Jaro VI * N.° 69ª Septembro * 1909

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

**Augusto Jimenez Loira**

PINTOR LÓPEZ, 3 = VALENCIA

**La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos**





**F-ino Angelita Arnau Pradas, Gracia, 65 Valencia - España.**

## Esperantistina portretaro

Portretoj de esperantistinoj honoros nian gazeton, kaj ni ricevos plezure, tiun de ĉiu, kiu bonvolos sian sendi al ni, kun permeso ĝin reprodukti.

Ni ilin publikigos laŭ rigora ordo de ricevo, nur preferante unuavice, niajn abonantinojn.

La fotografaĵoj devas esti pli grandaj ol 6 × 8 c/m.

## Colección de retratos, femenina esperantista

Retratos de S-ras y S-tas esperantistas honrarán nuestra revista, y con gusto recibiremos los de todas las que quieran enviarnos el suyo, con permiso para reproducirlo.

Los publicaremos por riguroso turno de recibo, dando sólo la preferencia á los de nuestras abonadas.

Las fotografías deben ser mayores de 6 × 8 c/m.

**F-ino Teresa Suay Valls, Gracia, 72 Valencia - España.**



# V[a] Internacia Esperantista Kongreso Barcelono

**5-11 septembro 1909**

Kara samideano:

Kiam ni eldonis la kvaran cirkuleron, ni kredis, ke ĝi estis la lasta, kiun ni estis devigataj fari por instrui la samideanojn pri la kongresaj aferoj. Bedaŭrinde, la lastaj okazintaĵoj de nia urbo devigas nin ĝeni ankoraŭ unu fojon la atenton de ĉiu per niaj skribaĵoj.

Ni povas laŭte diri, ke la eksterlanda gazetaro tiel trograndigis la faktojn en Barcelono okazintajn, ke ofte, legante ĝin, la rido aperus sur niaj lipoj se ni ne pensus, ke tiuj trograndigoj kaj mensogoj malfeliĉe timigis multajn samideanojn, kiuj komprenеble, kiam ili fariĝis Esperantistoj faris ĉiun promeson eblan, ekcepte la promeson travivi gravan danĝeron. Kredante ke la Barcelonaj okazintaĵoj povus decidigi kelkajn samideanojn ne ĉeesti la Kongreson pro la dubebleco de ĝia sukceso, la Organiza Komitato prenis la decidon sin turni rekte al ĉiu Kongresano por sciigi lin pri la jenaj faktoj:

1[a] Konsiderante ke la Barcelonaj okazintaĵoj povus iom malhelpi la sukceson de la Kvina, la Organiza Komitato speciale komisiis la vicprezidanton S-ron. Sabadell por ke li iru Madrid'on persone paroli kun la Ministro de la Enlandaj Aferoj pri la situacio farita al Kongresaj laboroj de la nunaj okazintaĵoj.

2[a] La vicprezidanto de la Komitato alportis el Madrido plej bonajn impresojn kaj la inviton daŭrigi pli fervore ankoraŭ niajn preparajn laborojn, certigante al ĉiu samideano, ke la trankvileco reganta en nia urbo estas favora kaj certa antaŭsigno de la Kongreso efektivebleco.

3[a] Ĉar la timo povis kapti, laŭ oni diris al ni, kelkajn kongresontojn, ni kredas ke estas devo de ĉiu esperantisto korekti per ĉiuj eblaj rimedoj la malverajn informojn donitajn de la gazetoj, presigante en la ĵurnaloj de iliaj respektivaj urboj, ke «ĉial» la Kongreso okazos, kaj ke ĝia sukceso estas tiel certa kiel antaŭe. Ni eĉ ne volas pritrakti la demandon al ni faritan, pri la «persona sekureco» de la eksterlandanoj; la ĝentileco kaj gastameco de Barcelono, neniam neitaj, malpermesas al ni paroli pri tiu temo.

Ni turnas nin al vi, do, kara samideano, kiu jam estas enskribita en la listo de Kongresanoj aŭ kiu havis intencon tion fari. Ni, kiuj travivis tiun semajnon kies faktoj false raportitaj povis dum momento vin ŝanceligi, ni, kiuj prenas sur nin la respondecon fari la Kongreson ĉi tie, neniam pensis ke ĝi povas ne okazi, aŭ ne okazi en Barcelono. Ĉio estas preta por vi ĉi tie, ĉio estas preparita por akcepti tiujn gastojn tiel varme kaj sincere atenditajn de la Reĝino de l'Mezamaro. Nia ĉielo repaciĝis kaj nun, kiel antaŭe, de via ĉeesto en Barcelono dependas la sukceso de la Kongreso kaj de la ideo, kiun ĝi reprezentas.

LA LOKA ORGANIZA KOMITATO.

Barcelono la 10[an] Aŭgusto 1909.

---

# En Barcelonon kaj Valencion

Granda estas la entuziasmo, kiu animas ĉiujn hispanajn Esperantistojn por

# A Barcelona y Valencia

Grande es el entusiasmo que anima á todos los esperantistas españoles por re-

akcepti la fremdajn samideanojn. Barcelono preparas grandajn festojn por regali la Kongresanojn, kiuj bonvolos ĝin viziti.

Nenion ni devas aldoni al la multaj aferoj, kiujn skribis S-ro C. Bourlet en «La Revuo» pri la kongresurbo; nur unu vokon: en Barcelonon, karaj samideanoj!, por tie doni al ni reciproke la ĉiujaran ĉirkaŭpremon, esprimo de tiu sento de universala frateco, paco kaj amo.

—

Valencio, la Mediteranea Ateno, deziras ankaŭ esti vizitata de la tutmonda Esperantistaro. Kaj de la plej alta registaro ĝis la lasta urbano, ĉiuj unuanime vokas, ke la esperantistoj alvenu por elpruvi ankoraŭ unu fojon la amindan kaj gasteman karakteron de la Valencia popolo.

La urba konsilantaro plenamase iros akcepti D-ron Zamenhof kun la akompano de siaj gardistoj kaj rajda eskorto, la komitato de la bela Valencia Regiona Ekspozicio, la Muzika Konservatorio, kaj la tuta popolamaso akceptos kun malfermitaj brakoj kaj kun aplaŭdoj kaj aklamoj la esperantistan ekskursantaron, kiu venos el Barcelono nin viziti. La urba muzikbando, la Granda Kazino, unuvorte, Valencio, plej kore deziras plenŝuti per regaloj siajn gastojn.

En Valencion, do, Esperantistoj!

## Instrukcioj por la ekskurso Valencion

La ekskursantoj foriros el Barcelono la 15an de Septembro matene kaj alvenos Valencion je la 17a koro 40 minutoj vespere; bela vojaĝo, en kiu oni trairas dum tago pentrindan kaj sugestian pejzaĝon, ĉar la vagonaro glitiras apud la Mediteranea marbordo kaj penetras en la oranĝajn arbarojn, kies arboj proponas sian oran frukton al la vojaĝanto. Ili restos en Valencio ĝis la 18a, tago en kiu oni fermos la kongreson, kaj daŭrigos la aliajn projektitajn ekskursojn, kaj revenos hejmen la nepartoprenantoj en ili. La sabaton je la 15a horo (postagmeze) ŝipo veturos al la Batearaj insuloj.

Dum tiuj tagoj okazos balo en la Eks-

cibir á los samideanos extranjeros. Barcelona prepara grandes festejos para agasajar á los congresistas que se dignen visitarla.

Nada debemos añadir á lo mucho que respecto de la kongresurbo ha escrito Mr. C. Burlet en la «Revuo»; sólo una voz: a Barcelona karaj samideanoj!, para darnos mutuamente el abrazo anual, expresión de ese sentimiento humanitario de fraternidad, paz y amor universal.

—

Valencia, la Atenas del Mediterráneo, desea también ser visitada por todo el mundo esperantista. Y desde la suprema autoridad hasta el último ciudadano, todos á una voz claman por que venga el esperantismo para patentizar una vez más el carácter hospitalario y amable del pueblo valenciano.

El Ayuntamiento en corporación saldrá á recibir al Dr. Zamenhof, acompañado de sus maceros y escolta á caballo, el Comité de la hermosa Exposición Regional Valenciana, el Conservatorio de Música y el pueblo en masa, recibirá con los brazos abiertos y entre aplausos y vítores á la caravana esperantista que venga de Barcelona á visitarnos. La Banda Municipal, el Gran Casino, en una palabra, Valencia, ansía con efusión colmar de atenciones á sus huéspedes.

¡A Valencia, pues, esperantistas!

## Instrucciones para la excursión á Valencia

Los excursionistas saldrán de Barcelona el día 15 de Septiembre por la mañana y llegarán á Valencia á las 17'40; viaje hermoso, pues se atraviesa de día un paisaje pintoresco y sugestivo por deslizarse el tren á la orilla del Mediterráneo, penetrando en los bosques de naranjos, cuyos árboles ofrecen su dorado fruto al viajero. Estarán en Valencia hasta el sábado 18, día en que se disolverá el Congreso, siguiendo las excursiones proyectadas y regresando á su país los que no tomen parte en ellas. El sábado, á las 15, sale vapor para Baleares.

Durante estos días habrá baile en el

pozicia Granda Kazino, serenado dum kiu la urba muzikbando ludos la himnon «Espero», artaj fajraĵoj, kunvenoj de Esperantistoj en la kunsida salono, paroladoj, vizito al la Valenciaj monumentoj, kaj vesperfestoj en la Ekspozicio.

La prezoj de loĝado po unu tago estas: Hoteloj unuaklasaj: 10 pesetoj; 2ª klasaj, 7'50; 3ª klasaj, 5 (ĉambro, tagmanĝo kaj vespermanĝo, kun vino).

Tiuj ĉi prezoj, kiuj estas la ordinaraj, povas plimalgrandiĝi per kontraktoj kun kompanioj de praktikaj vojaĝoj, kies proponojn nun ekzamenas la organiza komitato de la Postkongreso.

La prezo de la veturbileto de Barcelono-Valencio (iro kaj reveno) estas: 1ª klaso, 36'40 pesetoj; 2ª klaso, 27'67 pesetoj; 3º klaso, 15'75 pesetoj.

La Valencia Grupo Esperantista petis tiun rabatan prezon de la Fervoja Hispana Kompanio de la Nordo, kiu zorgas pri la veturado de Barcelono Valencion.

Ĉar jam estas fiksitaj la dato kaj horo de la alveno Valencion kaj foriro, la daŭro de la restado en la urbo, kaj la prezo de la vetura bileto en vagonaro, kaj ankaŭ tiu de la loĝado, al la Esperantistoj, kiuj iros al la Barcelona Kongreso, ni liveros la plenan kaj detalan programon de la kunvenoj kaj festoj, kiuj estas nun en organizado.

Gran Casino, serenata con ejecución del himno «Espero» por la Banda Municipal, fuegos artificiales, reuniones de esperantistas en el salón de actos, discursos, visita á los monumentos de Valencia y veladas en la Exposición.

Los precios de los hospedajes por cada día son los siguientes: 1.ª, 10 pesetas; 2.ª, 7'50; 3.ª, 5; cuarto, almuerzo y comida, el vino comprendido.

Estos precios, que son los ordinarios, pueden quedar reducidos mediante contrato con empresas de viajes prácticos, cuyas proposiciones está estudiando el comité organizador del postcongreso.

El precio del billete de ida y vuelta es el siguiente: 1.ª, 36'40; 2.ª, 27'67, 3.ª, 15'75 pesetas.

El grupo de Valencia ha interesado esta rebaja de la Compañía de los ferrocarriles del Norte de España, que sirve la línea de Barcelona á Valencia.

Precisada la fecha y hora de salida y llegada á Valencia, la duración de la estancia en esta capital, el precio del viaje por ferrocarril, así como el de los hospedajes, á los esperantistas que acudan al Congreso de Barcelona daremos el programa detallado y completo de las reuniones y festejos que se están organizando.

# LA VALENCIA GRUPO ESPERANTISTA EN ĜIA REGIONA EKSPOZICIO

Dank' al la Valencia Urbestraro, dank' al la Ekspozicia Komitato kaj dank' al la fervoreco kaj klopodoj de la Valenciaj geesperantistoj, nia Ekspozicio povas nun pruvi antaŭ la mondo, ke Valencio ne dormas rilate al la giganta paŝo, kiun la homara progresado antaŭeniris per nia Zamenhofa Esperanto, la Internacia lingvo, *la dua por ĉiuj.*

La Valencia Urbkonsilantaro, kiu de du jaroj subvencias la Esperantistan Grupon, difinis en la majesta Palaco, kiun ĝi starigis en la Regiona Ekspozicio, salonon, por ekspozicii la Esperantista Grupo siajn elmetaĵojn. Plie ankoraŭ, ĝi tre afable difinis monhelpon por tiu bela celo. Jen kiamaniere Esperanto eniĝas en la oficialan vivon. La Valencia Grupo tre danke akceptis tian multvaloran kunhelpon kaj hodiaŭ la Instalaĵo estas finita kaj tre admirata de ĝiaj vizitantoj, kiuj tre sin

interesas pri ĝi. La saloneto estas je kvardek kvadrataj metroj. En angulo, aranĝita kiel honora loko, oni metis belan portreton de D-ro Zamenhof ornamita per nia standardo kaj laŭrobranĉoj. Sub ĝi vidiĝas kelkaj p-kartoj de nia majstro al Valenciaj samideanoj.

Sur la kvar salonmuroj oni lokis laŭlonge la librarelmontrejon; belega kolekto inter kiuj libroj distingiĝas la plena kolekto, eldonita ĝis nun de la firmo Hachette. Super la libraro vidiĝas kvar vicoj da poŝtkartoj ricevitaj de valenciaj samideanoj. ordigitaj laŭ fakoj; nacioficialaj, Esperanto propagandaj, kongresaj, esperantistaj, portretoj, esperantistaj grupoj, migrantaj p-kartoj, popolaj tipoj, urbaj vidaĵoj, k. t. p. k. t. p.; belega poŝtkartaro kiu mirigas la vizitantojn kaj havigas al ili okazon ekzameni kaj konvinkiĝi pri la vivanteco de la Zamenhofa kreitaĵo, ĉar oni povas diri, ke per tiu poŝtkartaro estas riprezentita la tuta mondo.

Super la poŝtkartaro, ĉiam laŭ longe, de la kvar salonmuroj estas alnajlitaj la preskaŭ tuta Esperanta Gazetaro. Interesa kolekto de 142 diversaj esperantistaj gazetoj.

En la kvar muroj vidiĝas ses karteloj, du el kiuj surhavas la Esperantan Alfabeton kaj la karakterizajn finiĝojn de la vortoj kaj verboj en Esperanto. La kvar ceteraj surhavas hispane-kaj-esperante redaktitajn pensojn.

En la angulo kontraŭa al la portreto de nia majstro estas elmetitaj surmure la dokumentojn pri la Barcelona Kongreso.

En la muroj norda kaj okcidenta de la salono estas du vastaj fenestroj. Sur la okcidenta fenestrego, drapirata per verda ŝtofo, estas elmetitaj aro da Esperantaj afiŝoj pri la Ĝeneva kongreso, la Bukareŝta nacia kongreso, afiŝoj de la Valenciaj foiroj eldonitaj de la ĉi tiea Urbestraro, el la Muzika konkurso de la Konservatoria Valencia, fotografaĵoj de la kongresanoj de Boulogne-Sur-Mer kaj Kembriĝo, Ekspozicia propagandilo esperante eldonita de la komitato de la Ekspozicio kaj aliaj esperantaj afiŝoj meze el ĉiuj vidiĝas tiu de la Barcelona Kongreso.

Sur tiu fenestro vidiĝas ankaŭ komercaĵoj kun esperanta marko, likvoro Esperanto, *sólido* Esperanto, kul-mortigaj pasteloj, oranĝoj «*Zamenhof*» kaj «*Verda Stelo*», k. c. La kvar muroj estas supre ĉirkaŭitaj per pendantaj diversnaciaj flagoj kvazaŭ-tapetoj. Centre de la salono staras tablo plena de Esperantaj propandiloj kaj aliĝiloj invitante la vizitantojn enskribiĝi kiel membroj aŭ helpantoj de nia ideo. Sŭpre, sur la plafono granda kvinpinta verda stelo regas la instalaĵon.

Tiu instalaĝo staras inter tiu de la institucio por la virina instruado kaj tiu de la Lernejo por surdmutuloj kaj blinduloj; super la trairejaj pordoj de nia instalaĵo vidiĝas la surskribaĵo

ESPERANTO LINGVO INTERNACIA

Sur konvena loko de la muroj ankoraŭ vidiĝas kvin kvazaŭpergamenoj ĉirkaŭataj de laŭrobranĉoj kun memoriga skribaĵo pri la kvin ĝisnunaj Esperantaj kongresoj. La koloroj regantaj estas, konpreneble, la niaj, *verda kaj blanka*.

La Valencia Esperanta instalaĵo certe estos fruktodona por nia ideo en Valencio, sed, aukoraŭ pli certe estas, ke tiu propagando obliĝos dum la postkongresa ekskurso al Valencio, kiu okazos de la 15ª ĝis la 18ª Septembro, kun ĉeesto de D-ro Zamenhof, kaj despli se ĝi estas tiel multmembra kiel ni esperas.

De intence ni lasis por la fino danki korege nian samideanon D-ro Jozefo Aguilar Blanch la senlaca eks-urbkonsilanto, kiu tiom klopodis por konduki Esperanton en la oficialan vivon de Valencio kaj tiel sukcesplene tion atingis.

*Gesamideanoj al Valencio!!!*

# Floraj ludoj

La oficiala templimo por akcepto de manuskriptoj estis la 1 de Junio sed preserare diris «La Revuo», 1 de Julio. Tial la komitato ricevis ankoraŭ kelkajn manuskriptojn dum la Junia monato kaj ĝi ilin akceptis.

Nur du konkursoj restis sen konkursantoj, la numeroj 10 kaj 24.

Tuj kiam la juĝo de unu konkurso estos finita, la prezidanto de la responda juĝantaro sciigos al la komitato de l'Floraj Ludoj la devizon kaj numeron de la premiita verko. Tiam la komitato malfermos la koverton portantan tiun devizon kaj konfidencie avertos la premiiton, petante de li ne publike konigu sian sukceson antaŭ la festo en Barcelono.

La manuskriptoj premiitaj apartenos dum unu jaro al la donacinto de la premio.

La manuskriptoj nepremiitaj estos bruligitaj kune kun la respondaj kuvertoj, se iliaj aŭtoroj ne petas, antaŭ la 15ª de Oktobro, ke oni ilin resendu, kunsendante la koston de la poŝta resendo rekomendite.

Se en iu konkurso neniu manuskripto ŝajnas al la juĝantaro meriti premion, la premio ne estos aljuĝita, kaj estos redonita al la donacinto, aŭ, se la donacinto tion akceptas, aljuĝita kiel dua premio en alia pli feliĉa konkurso.

# Kroniko

Du famkonataj esperantistoj japanaj mortis: S-ro T. Hasegawa, kiu publikigis la unuam lernolibron de Esperanto por japanoj, kaj S-ro Y. Iida eksvolapükisto, verkisto de Japana-Esperanto vortaro ne eldonita.

Aukaŭ mortis S-ro Eugeno Landoy, unu el la gazetistoj, kiu plej fervore propagis esperanton en Belgujo.

Ni ploras, kun iliaj familioj, la perdon de niaj karaj propagandistoj.

**Anglujo.**—La kvara Skota Kongreso okazos en 1910.ª ĉe Glasgow'o.

Nia samaĝa samideano «The British Esperantist» raportas pri bonaj agoj de kvardek-kvar esperantistaj societoj el Anglujo.

En Edimburgo kaj Harbone'o, oni starigis novajn grupojn.

**Australio.**—Ni havas tie alian grupon. Fondiĝis en Hornsby'o.

**Aŭstrujo.**—S-ro Geier el Graz'o pro-

# Crónica

Dos famosos esperantistas japoneses han muerto: el Sr. T. Hasegawa, que publicó el primer Manual de Esperanto para japoneses, y el Sr. Y. Iida exvolapukista, autor de un diccionario inédito Japonés-Esperanto.

También ha muerto el Sr. Eugenio Landoy, uno de los periodistas que con más fervor han propagado el Esperanto en Bélgica.

Lloramos, con sus familias, la pérdida de nuestros queridos propagandistas.

**Inglaterra.**—El cuarto Congreso Escocés se verificará en Glasgow en 1910.

Nuestro samideano, de la misma edad, «The British Esperantist», relata buenos hechos de cuarenta y cuatro sociedades esperantistas de Inglaterra.

En Edimburgo y Harborne se han establecido nuevos grupos.

**Australia.**—Tenemos allí otro grupo. Se ha fundado en Hornsby.

**Austria.**—El Sr. Geier de Graz pro-

jektas, dum tiu ĉi somero, fari ekskurson propagante esperanton tra tiu Stiria lando, kie ankoraŭ ĝi ne estas tre konata.

Esperanta Wien'a Societo tradukis la tekston, de programo de la Muzika Konservatorio de Valencia kaj klopodis ĝian publikigadon en la ĉefaj gazetoj de la lando. Tiel, kiel bone diras nia tiea kara kolego «Informaj Raportoj», ĝi propagandis samtempe la konkurson, la lingvon kaj la unuiĝon.

**Belgujo.**—La belga registaro preparas por 1910 Grandan Universalan Ekspozicion en Bruselo, kaj lingvo Esperanto estos reprezentata en speciala sekcio difinita por la grandaj internaciaj asocioj kaj institucioj.

Por partopreni en ĝi, oni devas peti informojn de S-ro Gabriel Chavet sekretario de Esperantista Centro Oficejo, antaŭ la 1ª de la proksima Aŭgusto.

Novaj grupoj fondiĝis en Borgerhont'o kaj Lieg'o.

«Belga Esperantisto», nia kara amiko, raportas pri laboroj de ĉiuj grupoj el tiu lando.

**Bohemlando.**—Centra Asocio de Bohemaj Esperantistoj disdonis cirkuleron pri la progreso de Esperanto en tiu lando, kaj rekomendas, ke ĉiu esperantisto vizitante Praga, akiru la esperantistan ilustritan gvidlibron, kaj vizitu la kancelarion de Esperanto, Ferdinandova trida, 29. Esperanta kafejo Union.

Tiea studenta Rondeto deziras interrilate kun studentoj el ceteraj landoj. Sin turnu al S-ro K. Kuthan ĉe la sama kafejo.

Novaj grupoj fondiĝis en Schonan'o kaj Filippsdorf'o.

En la programo de komercaj lernejoj de Praha, estas enmetita la lernado de Esperanto.

Tie oni aranĝas Kongreson esperantistan de la 26 al la 28 de tiu ĉi monato, kaj okaze ĝi, ekspozicio por kiu «Bohema Unio Esperantista» petas esperantajojn, kaj invitas al ĉiuj fremdaj samideanoj tien iri kun promeso ilin akcepti amikege.

yecta hacer, durante este verano, una excursión propagando el Esperanto por aquel país Stirio, en el cual no es muy conocido.

La Sociedad de Esperanto de Viena ha traducido el texto del programa del Conservatorio de Música de Valencia y procuró su publicación en los principales periódicos del país. Así, como bien dice nuestro querido colega de allí, «Informaj Raportoj», aquella propagó al mismo tiempo el concurso, el idioma y la unión.

**Bélgica.**—El Gobierno belga prepara para 1910 Gran Exposición Universal en Bruselas, y el idioma Esperanto será representado en una sección especial dedicada á las grandes asociaciones internacionales y á las instituciones.

Para tomar parte en ella, se deben pedir informes al Sr. Gabriel Chavet, secretario de la oficina central Esperantista, antes del 1.º del próximo Agosto.

Se han fundado nuevos grupos en Borgerhout y en Lieja.

«Belga Esperantisto», nuestro querido amigo, se refiere á trabajos de todos los grupos de aquel país.

**Bohemia.**—La Asociación Central de Esperantistas bohemios ha repartido una circular referente al Congreso de Esperanto en aquel país, y recomienda, que todo esperantista que visite á Praga, adquiera la guía esperantista ilustrada, y visite la cancillería de Esperanto, Ferdinandova trida 29, Café Unión de Esperanto.

El Circulito estudiantil de allí desea relacionarse con estudiantes de los demás paises. Diríjanse al Sr. K. Kuthan, en el mismo café.

Nuevos grupos se han fundado en Schonan y Filippsdorf.

En el programa de escuelas comerciales de Praga se ha introducido el estudio del Esperanto.

Allí se dispone un Congreso Esperantista del 26 al 28 de este mes, y con ocasión de él una exposición, para la cual «Unión Esperantista Bohemia» pide cosas de Esperanto é invita á todos los samideanos extranjeros á ir allí, prometiéndoles recibirlos con grandísima amistad.

**Brazilujo.**—Ĝenerala Direktado de Statistiko, okaze la malfermo de ĝiaj havenoj al la monda komerco, publikiĝis broŝuron rilate al la Brazilaj notindaj progresoj, en portugala, franca kaj esperanta lingvoj.

Tiea tre bona esperanta gazeto «Brazila Esperantisto» raportas pri konstanta laboro de niaj samideanoj en Río de Janeiro, Niteroj'o Cruzeiro, Guaratinta'o, Mogy-Mirim'o, Amparo, Queluz'o, Ituverava'o y Palma'o.

**Danujo.**—Unua dana jarkunveno okazis en Aarhus'o la 11an Julio. Kunvenis esperantistoj el Odense'o, Vejle'o, Randers'o, Aalborg'o, Skive'o kaj Ronne'o, kaj bonan tagon trapasis per paroladoj, festenon, koncerto, k. t. p. kun profito por la propagando de Esperanto en tiu lando.

**Filipinas Insuloj.**—Nia estimata kaj bonilustrita gazeto «Filipina Esperantisto», raportas pri ĉiam kreskanta esperanta movado en tiu lando.

**Francujo.**—Esperanto estas enkondukita de abato Duvaux en Pariza Seminario, 391 rue de Vaugirard, kies seminarianoj deziras korespondi kun aliaj.

En Lille'o fondiĝis nova grupo. Ankaŭ ĉe Chateaurenard'o, Chambery'o, Cholet'o, Lorient'o, Montes-la-Jolie, St. Lo kaj Villeneuve St. Georges.

Ĝis la 31a Oktobro estos malfermita Internacia Ekspozicio en Nancj'o.

En la palaco, kie estas la Ekspozicio de la Nancj'a Universitato, troviĝos malgranda esperanta elmetaĵo, kiu prezentas tre bone faritan landkarton montrantan la progresadon de Esperanto tra la mondo kaj multegaj gazetoj, poŝtkartoj kaj fotografaĵoj.

Baldaŭ aperos Plena Vortaro Esperanto-Esperanta y Esperanto-Franca, verkita de la famkonata esperantisto S-ro Boirac.

Pri la laborado de la grupoj, neeble citi la klopodojn de ĉiu. Ni donos ideon pri la afero, dirante, ke ĉie estas esperantistoj en tiu lando kaj oni vete propagandas nian lingvon.

**Brasil.**—La Dirección General de Estadística, con motivo de la apertura de sus puertas al comercio mundial, ha publicado un folleto relativo á los progresos notables del Brasil, en los idiomas portugués, francés y esperanto.

La muy buena revista de allí «Brazila Esperantisto» se refiere al constante trabajo de nuestros colegas de Rio de Janeiro, Niteroy, Cruzeiro, Guaratinta, Mogi, Mirim, Amparo, Queluz, Ituverava y Palma.

**Dinamarca.**—La primera reunión anual danesa ha tenido lugar en Aarhus el 11 de Julio. Concurrieron esperantistas de Odense, Vejle, Randers, Aalborg, Skive y Ronne, y se pasó un buen día, con discursos, banquete, concierto, etcétera, provechoso para la propaganda del Esperanto en aquel país.

**Islas Filipinas.**—Nuestra estimada y bien ilustrada revista «Filipina Esperantista», se refiere al movimiento, siempre en aumento, del Esperanto en aquel país.

**Francia.**—El Esperanto ha sido introducido por el abate Duvant en el Seminario de París, 391, rue de Vangirard, cuyos seminaristas desean corresponder con otros.

En Lille se ha fundado un nuevo grupo. También en Chateaurenard, Chambery, Cholet, Lorient, Montes-la-Jolie, St. Lo y Villeneuve St. Georges.

Hasta el 31 de Octubre estará abierta una Exposición Internacional en Nancy.

En el palacio en que está la Exposición de la Universidad de Nancy, se encuentra un pequeño aditamento de esperanto, que representa un plano muy bien hecho, demostrativo del progreso de esperanto en el mundo, y multitud de periódicos postales y fotografías.

Pronto aparecerá un Diccionario completo Esperanto—Esperanta y Esperanto—Francés, compuesto por el famoso esperantista Sr. Boirac.

Respecto á los trabajos de los grupos, es imposible citar los esfuerzos de todos. Daremos idea del asunto diciendo, que por todas partes hay esperantistas en ese país y que en competencia se propaga nuestra lengua.

Nia kara kolego kaj majstro «Lingvo Internacia» estis minacata malaperi; kio estus estinta malfeliĉo por la esperantista mondo. Manko de mono de «Presa Esperantista Societo» devigis ĝiajn akciulojn diskuti kion fari, kaj ili decidis la daŭrigon de tiu gazeto kaj la ĉeson de la eldonado de l'Grand Dictionaire, donante al la pagintoj de ĝia tuta valoro, kompensajon por la nepublikigitaj kajeroj, per eldonaĵoj de P. E. S., escepte «Lingvo Internacia» kaj «Juna Esperantisto».

Nuestro querido colega y maestro «Lingvo Internacia» ha estado amenazado de desaparecer, lo que hubiera sido una fatalidad para el mundo esperantista. Falta de dinero de «Presa Esperantista Societo» obligó á sus accionistas á discutir qué harían, y decidieron la continuación de ese periódico y que cese la publicación de El Gran Diccionario, dando á los que pagaron su total valor, una compensación, por los cuadernos no publicados, en cosas editadas de P. E. S. con escepción de «Lingvo Internacia» y «Juna Esperantisto».

**Germanujo.**—En Frankfurt'o okazas de la 10ª de Julio «Unua Internacia Aerveturada Ekspozicio», kiu daŭros ĝis fino de Oktobro.

Tiea esperantista grupo, kiu havas publikan oficejon en la ekspozicio mem, invitas ĉiujn gesamideanojn por la vizito de ĝi. Informos S-ro Schutze, Konikstrasse, 97, Frankfurt, apud Majn'o.

**Alemania.**—En Frankfurt se verifica desde el 10 de Julio la primera Exposición Internacional de Aeromóviles, que durará hasta fin de Octubre.

El grupo esperantista de allí, que tiene una oficina pública en la exposición misma, invita á visitarla á todos los *samideanos* de ambos sexos. Informará el Sr. Schutze, Konikstrasse 97, Frankfurt, apud Main.

«Esperanta Gruparo Berlino», Kurt, Zimmermann, Berlin O., 112, Pettenkofer st. 27, eldonis belan fotografaĵon, kie oni trovas kunigite portretojn de granda nombro de Esperantaj gazetoj. D-ro Zamenhof ilin juĝas bonegaj propagandiloj.

«Esperanto Gruparo Berlino», Kurt, Zimmermann, Berlín O. 112, Pettenkoffer St. 27, ha editado una bonita fotografía en la que se encuentran agrupados rotratos de gran número de periódicos esperantistas. El Doctor Zamenhof las considera como magníficos instrumentos de propaganda.

Novaj grupoj en Dohna'o, Wittenberg'o, Weissensee'o, Rostock'o kaj Lippstardt'o, kaj nia antikva amiko «Germana Esperantisto» rilatas klopodojn, favore al Esperanto kaj ĝia divastigo en tiu lando, de tridek-ses grupoj.

Nuevos grupos en Dohna, Wittenberg, Weissensee, Rostock y Lippstardt y nuestro antiguo amigo «Germana Esperantisto» hace mención de trabajos favorables al Esperanto, en aquel país, de treinta y seis grupos.

**Hungarlando.**—Komitatkunsido de «Hungara Esperanta Societo» sin okupis tre ĝoje pri la kreskado de Esperanto en tiu lando.

En Instituto de blinduloj en Budapest'o vizitante ĝin lia moŝto sinjoro Ministro Apponyi, li plezure sciiĝis, ke tieaj blinduloj faras esperantan kurson sub la direkto de S-ro Johano Kleitsch.

**Hungría.**—El Consejo de «Hungara Esperanta Societo» se ocupa con mucha satisfacción del aumento del Esperanto en aquel país.

En el Instituto de ciegos de Budapest, al visitarlo el Excmo. Sr. Ministro Apponyi, se enteró con satisfacción de que aquellos ciegos hacen un curso de Esperanto bajo la dirección del Sr. Juan Kleitsch.

**Insulo Madeira.**—En la Seminario de Funchal ekzistas grupo de fervoraj esperantistoj, kaj la Seminaria gazeto «Esperanĉa» multe kaj bone sin okupas pri nia afero.

**Isla de Madera.**—En el Seminario de Funchal existe un grupo de fervorosos esperantistas y el periódico del Seminario «Esperanĉa» se ocupa mucho y bien de nuestro asunto.

**Italujo.**—S-ro Morgari deputato ĉe la Itala Parlamento, tie aludis al Esperanto, dirante, ke li ĝin konsideras, kiel la estontan lingvon de la civilizitaj nacioj.

Lia Moŝto Papo Pío X^a gratulis fraton Isidoron el Belgujo, kiu proponis en Napolo ĉe kongreso por blinduloj, enkonduki esperanton en la blindulejojn, kaj uzadi tiun lingvon dum venontaj por blinduloj kongresoj; kies proponoj estis aprobitaj.

**Meksikujo.**—En Tezintlan'o, Pue, ĉe la Katolika Lernejo de Nia S-ino de Lourdes, kie oni instruas fraŭlinojn el la tuta lando, tri dek el ili lernas esperanton.

La tiea esperantista societo faras unuan kaj duan gradon kursojn, kaj plie, ankaŭ estas privataj gelernantoj.

Oni kalkulas centon da gelernantoj, je ĉiuj.

«El Paladin», Meksika ĵurnalo, bone rilatas pri Esperanto kaj honoras nin, tial, ke li translokas kelkajn niajn laborojn al ĝiaj kolonoj.

**Moravio.**—Nova kaj bona gazeto ĵus aperis: «Internacia Pedagogia Revuo», oficiala organo de «Internacia Asocio de Instruistoj». Ĉefredaktoro S-ro Th. Ĉejka, Bistrice-Hostyn, Moravio (Austrujo).

Duono da la unua numero estas okupata per bona literaturo, kaj cetero estas dediĉita por pli mallongaj kaj tre interesaj notoj kaj por informoj el diversaj fakoj, kiuj koncernas la lernejojn aŭ instruistojn.

**Norvegujo.**—En la fino de tiu ĉi monato aŭ komenco de proksima Oktobro, oni malfermos en Kristianio, esperantan ekspozicion, pri kiu ni rilatis en nia antaŭa numero.

**Portugalujo.**—La Lisabona gazetaro sin okupas favore pri Esperanto kaj pri senĉesa laboro por ĝin propagadi, kiun faras niaj tieaj estimataj samideanoj.

**Rumanujo.**—«Bukarest'a Virina Societo Esperanto», organizis grandan kamparan feston en la arbaro de Kosmeŝti'o apud Maraŝeŝti'a vilaĝo. Ili multe amu-

**Italia.**—El Sr. Morgari, diputado del Parlamento Italiano aludió en él al esperanto diciendo, que lo considera como la futura lengua de las naciones civilizadas.

Su Santidad el Papa Pío X felicitó al hermano Isidoro, de Bélgica, que propuso en Nápoles, en el Congreso para ciegos, introducir el Esperanto en los asilos de ciegos y usar esa lengua en los venideros Congresos para ciegos; cuyas proposiciones fueron aprobadas.

**Méjico.**—En Teziutlan'o Pue, en la Escuela Católica de Nuestra Señora de Lourdes, donde son instruídas señoritas de todo el país, treinta de ellas estudian Esperanto.

La sociedad esperantista de allí, hace cursos de primero y segundo grado, y además hay estudiantes privados, de ambos sexos.

Se calcula un ciento de ellos, entre todos.

El «Paladín» diario de Méjico hace buenas referencias del Esperanto, y nos honra, porque traslada algunos de nuestros trabajos á sus columnas.

**Moravia.**—Una nueva y buena revista acaba de aparecer: «Internacia Pedagogia Revuo», órgano oficial de la «Asociación Internacional de Profesores», redactor jefe el Sr. Th. Ĉejka, Bistrice Hostyn. Moravia, Austria.

La mitad del primer número está ocupado por buena literatura y lo demás dedicado á más cortas y muy interesantes notas y para informes de diversas secciones concernientes á colegios ó maestros.

**Noruega.**—Á fin de este mes ó principio del próximo Octubre, se abrirá en Cristianía una Exposición de esperanto á la cual nos hemos referido en nuestro número anterior.

**Portugal.**—La prensa de Lisboa se ocupa favorablemente del Esperanto y de la incesante labor que hacen para propagarlo nuestros estimados *samideanos* de allí.

**Rumanía.**—La «Sociedad Esperanto Femenina de Bukarest» ha organizado una gran fiesta de campo en el bosque de Kosmeŝti cerca del pueblo Maraŝesti.

…n kaj per tiu vidinda kunveno faris grandan propagandon.

En tiu urbo kaj en Galatz'o, la policistoj lernas esperanton incititaj de iliaj estroj, kiuj lernas mem.

Ministro de Publika Lernado permesis, ke oni faru esperantan kurson en la Ŝtata Gimnazio de tiu ĉi lasta vilaĝo.

Nova grupo fondiĝis en Roman'o.

**Rusujo.**—Nia estimata kolego «La Ondo de Esperanto» rilatas pri klopodoj de niaj samideanoj de Moskvo, Kostroma'o, Orenburg'o, Vladikaŭkazo kaj Egorjevsk'o por propagandi esperanton.

**Servujo.**—En tiu lando S-ro Budjevac faras esperantan propagandon helpita de S-roj Krestando, bulgaro, kaj Evstifeieff, ruso.

**Svedujo.**—En tiu ĉi Septembra monato okazos en Stockolm'o la jara kunveno de «Sveda Esperantista Societo.»

**Svisujo.**—Estas nova grupo en Soloturno, kaj la malnovaj daŭrigas la klopodojn por plibonigi nian aferon.

**Usono.**—Kvankam la plimulto el la grupoj de tiu lando ne faras Kunsidojn dum la somero, iom oni laboras kaj la propagando ne ĉesas.

**Zululando.**—Misionisto instruas esperanton, sukcese, al pli malpli tridek geknaboj enlanduloj.

**Hispanujo.**—Duonmonata gazeto «El Porvenir», kies unua numero ĵus eliris en Utiel'o, dediĉas fakon al nia kara lingvo.

En Barcelona'o estas nova grupo nomita «La kvinpinta stelo.»

La grupo «Paco kaj Amo», de Gracia (Barcelono), en la ĝenerala kunsido okazinta la $4^{an}$ de Julio, balotis la jenan komitaton:

S-roj Samper, Prez.; Alió, Vic.; Brunet, Sek.; Abad A., Vic.; Abad H., Kas.; Gispert, Kalk; Monfort, Bib.; S-ino Concepcio Ribera kaj S-roj Ginestá kaj Picoret, voĉdonantoj.

Se divirtieron mucho, y por esa reunión, digna de verse, hicieron gran propaganda.

En aquella ciudad y en Galatz, los policías estudian el Esperanto incitados por sus mismos jefes que también lo estudian.

El Ministro de Instrucción Pública ha permitido que se haga un curso de Esperanto en el Colegio del Estado de esta última población.

Un nuevo grupo se ha fundado en Román.

**Rusia.**—Nuestro estimado colega «La Ondo de Esperanto» se refiere á los esfuerzos de nuestros *samideanos* de Moskov, Kostroma, Oremburg, Veladikaŭkazo y Egorjevsk para propagar el Esperanto.

**Servia.**—En aquel país el Sr. Budjevac hace propaganda del Esperanto, ayudado por los Sres. Krestanor, búlgaro y Evstifeieff, ruso.

**Suecia.**—En este mes de Septiembre tendrá lugar en Stockolmo la reunión anual de la «Sociedad Esperantista Sueca».

**Suiza.**—Hay un nuevo grupo en Soloturno y los antiguos continúan los pasos para mejorar nuestro asunto.

**Estados Unidos de América.**—Aunque la mayoría de los grupos de aquel país no tienen Consejos durante el verano, algo se trabaja y la propaganda no cesa.

**Zulu.**—Un misionero enseña el Esperanto con éxito á, poco más ó menos, treinta indígenas de ambos sexos.

**España.**—El periódico quincenal «El Porvenir», cuyo primer número acaba de salir en Utiel, dedica una sección á nuestro querido idioma.

En Barcelona hay uno nuevo que se llama «La estrella de cinco puntas».

El grupo «Paz y Amor» de Gracia (Barcelona), en Junta general ocurrida el 4 de Julio votó la siguiente directiva:

Sres. Samper, Pres.; Alio, Vic.; Brunet, sec.; Abad A. vic.; Abad H, cajero; Gispert, cont.; Monfort, bib.; Srta. Concepción Ribera y Sres. Ginestá y Picoret, vocales.

Ideo de S-ro Eugenio Calvo, sendi al nia kara majstro salutojn sur ilustritaj poŝtkartoj la 2an (15an) de Decembro proksima, kiun tagon D-ro Zamenhof fariĝos kvindek-jara, pri kio ni rilatis sur 92a paĝo de Julia lasta numero, eble sukcesos. Nia kara kolego «Franca Esperantisto» proponas, ke en la proksima kongreso oni parolu pri l'afero. Tre bone! Kiu ajn estu la rimedo saluti nian superhomon, ni plezure ĝin akceptos.

La idea del Sr. Engenio Calvo de enviar á nuestro querido maestro saludos en tarjetas ilustradas el 2 (15) de Diciembre próximo, cuyo día el Sr. Zamenhof cumple 50 años, y respecto de lo cual tratamos en la página 92 del número de Julio último, es posible que tenga éxito. Nuestro querido colega «Franca Esperantisto» propone, que en el próximo Congreso se hable del asunto. ¡Muy bien! Cualquiera que sea el medio para saludar á nuestro hombre extraordinario, nosotros con gusto lo aceptaremos.

Barcelona esperantistaro disdonis belan broŝureton-programon de la festo tie aranĝita, okaze la 22a datreveno de la apero de la unua lernolibro de Esperanto.

Los esperantistas de Barcelona han repartido un folleto programa de la fiesta allí organizada con motivo del 22.° aniversario de la aparición del primer Manual de Esperanto.

La Bilbao'a urbaj gvardianoj lernas entuziasme esperanton.

Los guardias urbanos de Bilbao estudian con entusiasmo el Esperanto.

Nia rusa amiko S-ro Ciklari, jam finigis sian tra Hispanujo ekskurson. Li laste ĉeestis en Bilbao kaj Barakaldo, faris paroladojn en ambaŭ urboj kaj forveturis Francujon.

Nuestro amigo ruso Sr. Ciklari, ha terminado ya su excursión por España. Ultimamente estuvo en Bilbao y Baracaldo, hizo discursos en ambas ciudades y marchó á Francia.

Estas nomita meritano de Mahona Ateneo, memore interesa parolado pri Esperanto, ke li tie faris, nia kara amiko S-ro Alfonso Sabadell.

Ha sido nombrado socio del Ateneo de Mahón, en memoria del interesante discurso que respecto á Esperanto allí hizo, nuestro querido amigo el Sr. D. Alfonso Sabadell.

En sama societo, kaj kiel preparo por la Va Kongreso, artileria leŭtenanto sinjoro Morató faras esperantan konversacian kurson.

En la misma sociedad, y como preparación para el 5.° Congreso, el teniente de artillería Sr. Morató hace un curso de conversación esperanta.

En alia loko ni sciigas pri Valencia Postkongreso. Por ĝia organizado laboris la tutan Valenci'an grupon sed especiale nia kara samideano, fervora esperantisto S-ro Andreo Piñó (Pinjo'). Li iris Parizon per propraj elspezoj, li tie ĉion aranĝis, kaj de lia reveno, li kaj alia ne malpli fervora kaj estiminda samideano, sinjoro Josefo Aguilar Blanch, ne ĉesas ambaŭ klopodi por la plejbona sukceso de l'afero kaj komforto de niaj estimataj vizitontoj.

En otro lugar damos cuenta del *Postcongreso* de Valencia. Para su organización ha trabajado todo el grupo de Valencia, pero especialmente nuestro querido *samideano*, fervoroso esperantista D. Andrés Piñó. Fué á París por su cuenta, allí todo lo arregló, y desde su regreso, él y otro no menos fervoroso y estimable samideano, D. José Aguilar Blanch, ambos no cesan de dar pasos por el mejor éxito del asunto y confort de nuestros estimados futuros visitantes.

# Spritludoj kaj Diversaĵoj

**Sub la redakcio de Novejarque (Anĝelo)**

AKROSTIKO EL BELA PENSO PRI ESPERANTO




Por kompletigi la ĉi supran *penson* estas nepre necese transloki en la kvadratfakoetojn numeritajn la vortojn el la suba *Akrostiko*, kiuj respondas numere kun la kvadratfakoetoj. Tiam vi ricevos BELEGAN PENSON PRI ESPERANTO.

| | | |
|---|---|---|
| ★★★★★ | F | ★★★ |
| ★★★★★★ | F | ★★★ |
| ★★★★ | R | ★★★★★★ |
| ★★★★ | R | ★★★★ |
| ★ | A | |
| ★ | A | |
| | T | ★★ |
| | T | ★★★ |
| ★ | E | ★★★★ |
| ★ | E | |
| ★★★★★ | C | ★ |
| ★★ | C | ★★★ |
| ★★★★★ | O | |
| ★★★★ | O | |

1. }
2. } Intensivaj gradoj de tuja tempa komparo.
3. Tio, kio estas la lingvo Esperanto.
4. Vorto de ni tre amata.
5. }
6. } La sama gramatika vorteto.
7. Prepozicio.
8. Senmanka.
9. Ĉiuj ni deziras esti.
10. Prepozicio.
11. Homama unueco.
12. Enlandaj loĝantaroj.
13. Idiomo.
14. La Tero.

(Anstataŭu la *steletojn* per literoj).

*Rimarkoj.*—La *solvojn* de tiuj ĉi *Spritludoj* ni presos en nia venonta numero.
Ni publikigos la *nomojn de la solvintoj*, (kiuj ĝustatempe sendos sian solvon), en nia postvenonta numero.
La solvoj devas esti sendataj poŝtkarte.

## Solvoj de la Spritludoj de la Aŭgusta numero

De la *Kongresa Spritludo:*

| | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| L | A | S | U | N | O | H | I | S | P | A | N | A | S | A |
| L | U | T | A | S | L | A | P | A | R | T | O | P | R | E |
| N | O | N | T | O | J | N | D | E | L | A | K | V | I | N |
| A | I | N | T | E | R | N | A | C | I | A | K | O | N | G |
| R | E | S | O | D | E | E | S | P | E | R | A | N | T | O |

**LA SUNO HISPANA** SALUTAS LA PARTOPRENONTOJN DE LA KVINA INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTO

---

De la *Hieroglifo*: KAT-AL-UNU-JO

---

### Solvintoj de la Spritludoj publikigitaj en la Julia numero

De la *Hieroglifo:* S-ro Andrés Pernas Perez.—Villalba(Galicia-Hispanujo).

# Memorindaj datrevenoj de Septembro

1.—1715. Mortas en Versalles la franca reĝo Ludoviko XIV.
2.—1894. Inaŭguracio de la Kongreso Internacia de Higieno en Budapesto.
3.—1658. Mortas Oliverio Cromwell, protektanto de Anglujo.
4.—1822. Supreniras la eŝafodon en Valencio la generalo Elio.
5.—1897. Malfermo de la Internacia Kongreso de Geologio en Petersburgo.
6.—1806. Naskiĝas en Madrido la glora poeto Johano-Eŭgenio Hartzembusch.
7.—1812. Batalo de Moskvo.
8.—1645. Mortas la famkonata verkisto kaj poeto hispana Francisko de Quevedo.

9.—1902. Mortas la hispana dramaŭtoro Henriko Gaspar.
10.—1893. Atenco kontraŭ la generalo Martínez Campos en Barcelono.
11—1524. Naskiĝas la glora poeto Petro de Ronsard.
12.—1870. Mortas en Munich la scienculo Steinhell, elpensinto de la elektra horloĝo.
13.—1884. Inaŭguracio de la nova tombejo de Madrido.
14.—1321. Mortas la glorega mondfama klasika itala poeto Dante Alighieri.
15.—1812. Eniro de la Francoj en Moskvon.
16.—1861. Inaŭguracio de la fervojo de Barcelono al Zaragozo (Hispanujo).
17.—1871. Inaŭguracio de la tunelo de Montcenis.
18.—1742. Mortas la eminenta franca oratoro J. B. Massillon.
19.—1895. Ŝippereo de la krozŝipo «Sánchez Barcaiztegui.»
20.—1895. La reĝo Leopoldo de Belgujo vizitas Parizon.
21.—1851. Inaŭguracio en Parizo de la unua Universala Ekspozicio.
22.—1900. Okazas en *Las Tullerías* la festeno de la 20.000 urbestroj el Francujo.
23.—1835. Mortas la inspiriĝa komponisto V. Bellini.
24.—1817. Naskiĝas la glora hispana poeto Ramono de Campoamor.
25.—1901. Montrompo de 254.000 pesetoj al Madrida monpruntisto S-ro García Gutiérrez *El Cantinero*.
26.—1835. Unua prezentado en Napolo de la opero *Lucia di Lamermoore*, de Donizetti.
27.—1892. Inaŭguracio de la fervojo de Jaffa al Jerusalemo (Sirio).
28.—1899. Oni malfermas en Berlino la VII^an^ Internacian Kongreson de Geografio.
29.—1834. Mortas la hispana reĝo Ferdinando VII.
30.—1898. Mortas la fama geografiisto Francisko Coello.

Kolektis kaj tradukis
ESPERANTISTO 17.206.

---

# «La vortoj simplaj»

*Esperanto-Gramatik-Humoraĵo, originala de esperantisto 10.072*

# «Las voces simples»

*Humorada Esperanto-Gramatical, original del Esperantista 10.072*

## IA-NENIA-KIA-TIA-ĈIA

*Ia* amikino demandis min, pri *kia* homo estas ŝia najbaro, kiu plaĉas al ŝi.

—Mi ne volis respondi *tian* demandon, ĉar mi kredas, ke *ĉia* persono devas elekti sian mortigilon per *nenia* helpo.

*Una* amiga me preguntó, *qué clase* de hombre es su vecino, que le agrada.

—Yo no quise contestar á *tal* pregunta, porque creo que *cada* persona debe elegir su instrumento de suicidio sin *ninguna* ayuda.

## IAL-NENIAL-KIAL-TIAL-ĈIAL

*Ial* vi amas vian fianĉinon. *Kial?*

—*Tial*, ke ŝi estas tre bela.

—Se vi nun ne amas sin *ĉial*, ĉu vi amos ŝin *nenial*, post la malapero de ŝia beleco?

Por *algo* quiere usted á su novia. *¿Porqué?*

—*A causa de que* es muy bella.

—Si usted no la quiere ahora *por todas las razones*, ¿la querrá usted por *ninguna*, después de que haya desaparecido su belleza?

### IAM-NENIAM-KIAM-TIAM-ĈIAM

*Iam* mi enamiĝis de sidanta, tre bela knabino. *Kiam* ŝi stariĝis, mi rimarkis, ke ŝi havas lignan kruron, kaj *tiam*, mi, por *ĉiam*, ĵuris *neniam* forgesi, ke «fluanta akvo estas pli pura ol akvo staranta senmove.»

*Una vez*, me enamoré de una bellísima muchacha que estaba sentada. *Cuando* se puso de pie, noté que tenía una pierna de madera, y *entonces*, para siempre, juré no olvidar *nunca*, que el agua corriente es más pura que el agua estancada.

### IE-NENIE-KIE-TIE-ĈIE

Egoisto diras, ke *ie*, *kie* li sin trovas, *tie*, kaj *ĉie*, li estas je la dispono de siaj amikoj; sed li penas, ke *nenie* oni lin trovu.

Un egoista dice, que en *cualquier parte* donde se encuentre, *allí*, y *en todas* partes, está á la disposición de sus amigos; pero procura que no se le encuentre *en ninguna parte*.

### IEL-NENIEL-KIEL-TIEL-ĈIEL

*Iel*, *kiel* vi vin ornamos, vi estos tre bela; sed *ĉiel*, via laboro estos senutila, ĉar la homo por kiu vi vin ornamadas, *neniel* ŝatas vin *tiel* ornamita.

*De cualqnier modo*, *como* usted se adorne, estará muy hermosa; pero *de todos modos*, su trabajo de usted será inútii, porque el hombre para el cual usted se adorna, *de ninguna manera* gustará de usted *tan* adornada.

### IES-NENIES-KIES-TIES-ĈIES

Mi lernis, *ties* simplulo sed, *ies* klera, bona instruato, kaj *kies* mi estis granda amiko, ke tio, kio estas *ĉies* estas *nenies*.

Yo aprendí de *un tal* simple, pero buen discípulo, *de alguien* instruído y *de quien* fuí gran amigo, que lo que es *de todos*, no es *de nadie*.

### IO-NENIO-KIO-TIO-ĈIO

*Io*, *kion* oni havas, ne devas esti tro amata, ĉar *tio* kaj *ĉio* fariĝos *nenio*.

*Algo que* se tenga, no debe ser demasiado estimado, porque *eso* y *todo* se convierte en *nada*.

### IOM-NENIOM-KIOM-TIOM-ĈIOM

Al avarulo oni petis *iom* da mono.
—Li diris: Mi ne povas doni *tiom*, *kiom* oni petas de mi, ĉar *ĉiom* el mia kapitalo estas *neniom*.

Á un avaro le pidieron *algún* dinero.
—El dijo: Yo no puedo dar *tanto*, *cuanto* me piden, porque *el total* de mi capital es *absolutamente nada*.

### IU-NENIU-KIU-TIU-ĈIU

*Ĉiu* devas malmulte sin valori kaj *neniun* malŝati, ĉar *iu* estas dirinta, ke *kiu* multe scias, *tiu* ne sufiĉe scias.

*Cada cual* debe valorarse en poco y á *nadie* despreciar, porque *alguien* ha dicho, que *el que* mucho sabe, *ese* no sabe lo suficiente.

---

**Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.**

Petu de la Administracio de LA SUNO HISPANA, Pintor López, 3, Valencia (España) la «verkojn» el esperantisto n.° 10.072, sendante la koston de la mendo, per kambio, aŭ per poŝtmarkoj el kiu ajn lando.

| | Pesetoj | Spesoj |
|---|---|---|
| *Verba Amuzaĵo*, dua eldono. Plena verba konjugacio per paroladeto. | 0'10 | 40 |
| *Cent-Dek-Tri Humoraĵoj*, dua eldono. . . . . . . . . . . . | 0'35 | 139 |
| *Porsonaj Nomoj*. Provo de esperanta nomigado. . . . . . . . . | 0'75 | 297 |
| *La Perfekta Edzino*. Tradukita el la fama hispana verko de monaĥo Ludoviko de Leon. . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 2'00 | 792 |
| *La kvar verkoj*. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 2'75 | 1.089 |
| Se oni volas ricevi la mendon rekomendite, oni aldonu. . . . | 0'25 | 99 |

# GRAVA AVIZO

Ofte oni ricevas en tiu ĉi redakcio anoncojn aŭ skribaĵojn troe vastajn, rilate al aferoj, kiuj ne havas ĝeneralan intereson. Ni ne povas enpresi tiajn dokumentojn kaj ni konsilas la sendontojn sendi al ni 500 ekzemplerojn, kaj ni plezure ilin enmetos en niajn disdonotajn gazetojn.